I jaro Sofia — Bulgario Junio-Julio 1958, № 8-9

# INTERNACIA ĴURNALISTO



Organo de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

## ANTAŬ NIA JARKUNVENO

Post unu monato en la histroria okcidentgermana urbo Mainz okazos la 43-a Universala Esperanto-Kongreso. Dum la kongresaj tagoj kune kun la multnombraj gekongresanoj, venontaj el dekoj da landoj, la kongreson partoprenos ankaŭ multaj ĵurnalistoj — membroj kaj ne membroj de TEĴA. En Mainz inter la aliaj renkontoj okazos ankaŭ la jara fakkunveno de TEĴA, kies tagordon ni publikigas aparte en la nuna numero de „Internacia Ĵurnalisto".

Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio sin prezentos en sia fakkunveno dum la Universala Kongreso plifortigita, kun kontentigaj akiraĵoj kaj sukcesoj: la Estraro de TEĴA kolektive kaj pli operative gvidis la organizajn kaj aliajn aferojn; la membraro de nia Asocio superis la nombron 150; en kelkaj landoj fondiĝis ĵurnalistaj sekcioj kaj grupoj; la organo de TEĴA „Internacia Ĵurnalisto" jam aperas regule en presita formo; la redakcio de „I. Ĵ." kontaktas kun ĉiu nova membro aŭ deziranto membriĝi al TEĴA. Tiameniere „Internacia Ĵurnalisto" fariĝis necesa kaj vivanta organizilo de nia Asocio: pli oftaj kaj rezultodonaj fariĝis la kontaktoj inter niaj membroj. TEĴA jam pagis la kolektivan membrokotizon al Universala Esperanto-Asocio, la Estraro subskribis specialan kontrakton kaj nia organizaĵo fariĝis kunlaboranta faka asocio de UEA.

Tiuj faktoj parolas pri niaj bonaj sukcesoj dum la dua jaro de la renaskiĝo de TEĴA.

Sed tiuj niaj sukcesoj ankoraŭ ne estas sufiĉaj. Nia agado estas ankoraŭ en sia komenco. Antaŭ ni staras helaj horizontoj kaj gravaj disvolvendaj organizaj taskoj, profesiaj kaj kulturaj problemoj.

Dum nia fakkunveno en Mainz en kamarada atmosfero kune kun diskutoj koncernantaj la raportojn pri nia ĝisnuna agado, ni - la TEĴA-anoj - devas pritrakti ankaŭ multajn aliajn problemojn: pri la Asocia statuto, pri la estontaj organizaj formoj kaj labormetodoj, pri nia kunlaborado kun UEA kaj kun diversaj aliaj organizaĵoj kaj kulturaj institutoj, pri nia propagando inter la neesperantistaj ĵurnalistoj kaj naciaj ĵurnalistaj organizaĵoj. Krom tio ni devas pritrakti diversajn pure profesiajn demandojn kaj certe multajn aliajn demandojn, kiujn starigos en la kunveno la partoprenontaj kolegoj.

Por ke ni organizu pli fruktodonan fakkunvenon estas necese, ke ĝi estu bone vizitita. Ni esperu, ke la ĵurnalistoj-partoprenantaj la 43-an Universalan Esperanto-Kongreson estos multnombraj. Ni, TEĴA-anoj, devas amase viziti la kongreson kaj la fakkunvenon!

Iv. Esperov

## TAGORDO DE LA TEĴA-FAKKUNVENO EN MAINZ

1. Raportoj de la prezidanto de TEĴA kaj de la redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto“ pri la ĝisnuna agado de la estraro, de la Asocio kaj de la redakcio.
2. Raporto de la vicprezidanto pri la statuto kaj la organiza strukturo de TEĴA
3. Diskutado kaj proponoj por estonta agado
4. Elekto de nova Estraro

## KONTRAKTO

farita inter UEA kaj TEĴA laŭ kiu estas interkonsentite ke;

1. Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio fariĝas kunlaboranta faka asocio de UEA en senco de art. 15 de la statuto de UEA.
2. Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio pagos la sumon, kiu estas fiksita de la Komitato de Universala Esperanto-Asocio kiel filia pago.
3. Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio faros sian eblon instigi siajn membrojn aliĝi al Universala Esperanto-Asocio kiel individuaj membroj.
4. Universala Esperanto-Asocio presos en sia Jarlibro informon pri Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio kaj laŭeble presos en sia gazeto kumunikojn pri tiu asocio.
5. La du organizaĵoj faros sian eblon helpi unu al la alia rilate al la komunaj celoj.
6. La nuna kontrakto ne plu validos:

a) okaze de nepago de la kotizo laŭ la paragrafo 2 aŭ

b) se unu el la kunkontraktintaj partioj ne deziras daŭrigi ĝin. Tiukaze, trimonata averto estos necesa.

Por Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio: O. Thormodsen prezidanto

Por Universala Esperanto-Asocio: I. Lapenna ĝenerala sekretario

---

## KUNLABORANTAJ FAKAJ ASOCIOJ DE UEA

Konforme al la devizo de Universala Esperanto-Asocio - **Unueco estas forto** — la statuto de UEA ebligas en la kadro de UEA la partoprenon kaj kunlaboron de ĉiuj fakaj asocioj uzantaj Esperanton. Apenaŭ estas necese emfazi la grandan valoron de tia kunlaborado, kiu ne nur kontribuas al solidaro de la Esperanto-movado ĝenerale, sed helpas kunordigi la individuajn laborojn de fakanoj tra la mondo kaj akcelas la disvastigon de fakaj konoj per la internacia organizaĵo.

Kunlaborantaj fakaj asocioj de UEA ĝis nun fariĝis: Grupo de esperantistoj-edukistoj, Internacia Asocio de poŝtmark-kolektantoj, Internacia Asocio de juristoj-esperantistoj, Internacia Federacio Esperantista, Internacia Ligo de esperantistoj-instruistoj, Internacia Scienca Asocio Esperantista (ISAE), Skolta Esperanto-Ligo, Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO), Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio, Veterana Esperantista klubo, Ligo Internacia de blindaj esperantistoj, La Universala Ligo kaj nun aliĝas al UEA la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA).

## PLI VASTA AGADO

Ĉiuj esperantistoj, kiuj pli aŭ malpli havas rilaton al la gazetaro, estas certe tre kontentaj pro la reviglîĝo de la Ĵurnalista Asocio kaj pro la apero de ĝia organo. Estas sendube, ke se nia movado ne eliras el sia „propra ĝardeneto" al la plej vastaj kampoj de la homa agado, ĝi povas „droni en sian propran supon".

Esperanto povas kaj devas estiĝi vaste konata interkomunika rimedo inter la ĵurnalistaro ĉe la internacia kunlaborado. Ni devas rompi ĉiujn barilojn, kiuj malhelpas la firmiĝon kaj la disvastiĝon de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio. Tio estas efektivigebla nur tiam, kiam ni su fiĉe bone pripensas la manierojn de nia kunlaborado. Al tio devas servi la organo de TEĴA. Mi opinias, ke pro la malgranda amplekso, en ĝi devas esti presataj nur tre koncizaj informoj, kiuj estn uzataj de la esperantistoj-ĵurnalistoj, kaj nur konkretaj, realaj proponoj pri kunlaboro, pri agadmanieroj. Estas same bezonataj anoncoj kaj sciigoj pri diversaj iniciativoj kaj entreprenoj, en kiuj la ĵurnalistoj povas iel partopreni pere de Esperanto. Estas bezonaj ankaŭ anoncoj flanke de samideanoj, kiuj bezonas materialojn por sialanda gazetaro kaj kiuj povas liveri similajn materialojn. Ankaŭ devas esti anoncoj pri preteco al kunlaborado sur certa kampo. La propono por aranĝi ĉe nia organizaĵo specon de agentejo, kiu disponu jam pretajn artikolojn, estas laŭ mi tre bona kaj farinda.

Samtempe oni devas pripensi ankaŭ pri la financaj malfacilaĵoj, ĉar tio povas malhelpi al ni tre multe.

Jerzy Uspiezski, Pollando

---

## AL TIUJ, KIUJ NE RESPONDAS

Kvankam ni, la TEĴA-anoj, ne multnombras, tamen inter ni ankaŭ regas nedezirindaj kutimoj de... ne respondado.

S-ano S. petis min dum la printempo de 1957 havigi al li Ĉeĥo-rusan vortaron. Mi povis sendi al li nur ekzempleron de Rusa-ĉeĥa, ĉar Ĉ-rusan, tiam ĉe ni oni ne povis trovi. Konfirmon pri la ricevo mi tamen ne ricevis, malgraŭ miaj pluraj petoj pri tio. La 31-an de la pasinta marto mi fine sukcesis aĉeti la deziratan vortaron, kiun mi tuj sendis al li, kiel registritan pakaĵon. Ĝis la 14-a de aprilo mi ricevis nenian konfirmon pri la ricevo.

S-ano O. G. dum la aŭtuno de 1957 postulis de mi kolekton de ĉeĥlingvaj ĵurnaloj, kiujn mi, kun kelka prokrasto, kaŭzita pro mia malsano, sendis al li. Li ankaŭ, malgraŭ miaj pluraj petoj, ne bonvolis respondi al mi

S-ano A. postulis de mi antaŭ du monatoj havigi al lia amiko G. B. F. la libron „Prvni prapor" de Jan Mareŝ. Tradukon de la peto mi transdonis rekte al la nacia entrepreno „Naŝe vojsko", kiu eldonis la koncernan verkon, pri kio mi siatempe sciigis s-anon F. jam la 12-an de marto k. j. Rezulto la sama — nenia respondo.

Mi konsentas, ke iuj sendaĵoj ne atingas la adresatojn, sed pardonu min la suprecititaj s-anoj, tamen neniu kredus, ke ĉiuj miaj sendaĵoj estas perditaj, eĉ a ordinara j k.!! Tp.iu via konduto, estimataj samideanoj, tute ne respondas al la bonaj tradicioj inter la esperantistoj entute, kaj vi ne devus miri, se iu ain ne bonvolus esti utila al vi!

Joĵko Stanék, Praha.

## XXIX ITALA KONGRESO DE ESPERANTO

En la bela urbo Palermo de Sicilio okazos (23—27 aŭgusto 1958) la XXIX-a Itala kongreso de Esperanto. La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" ricevis multajn prospektojn, aliĝilojn kaj invitilojn de la kongresa komitato, per kiuj oni invitas la esperantistojn el la tuta mondo viziti la kongreson. La eksterlandanoj ne pagas kongreskotizon. Invitataj viziti la Italan kongreson estas ankaŭ la TEĴA-anoj. Por pluraj informoj sin turnu al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto".

## RICEVITAJ ESPERANTAĴOJ

**Esperanto en la Festivalo**—n-ro 1 junio 1958, stencilita 10-paĝa organo de la festivalantaj-esperantistoj, eldonas junulara sekcio ĉe BEA kaj Bulgara Esp. — Festivala Grupo. Adreso: poŝtkesto 44, Sofia, Bulgario

**Esperanto,** UEA, n-ro 631, junio 1958

**Esperanto—fenestro al la mondo** — faldfolio, eldono de Arnhema Turistoficejo. La dezirantoj povas ricevi ĝin kaj aliajn informojn pri Arnhem de la adreso; V. V. V. Stationsplein 45, Arnhem. Nederlando

**Bulgara Esperantisto** — Nro 1—2

**Germana Esperanto-Revuo** — n-ro 6, junio 1958

**Stampa Internazionale** — bulteno de Agenzia Giornalistica d'Informazioni — **Torino,** via Dell Rocca, 38. — kun priesperantaj informoj en itala lingvo. La Agentejo korespondas en Esperanto.

**Die Reise** — germanlingva, ilustrita turista revuo kun priesperantaj sciigoj, № 4 aprilo 1958. Zürich, Svisio.

---

La ĵurnalista sekcio ĉe Bulgara Esperanto-Asocio organizos propagandcele vojaĝantan ekspozicion. La eksterlandaj kolegoj estas petataj sendi ilustritajn p. kartojn, leterojn, salutojn, prospektojn, fotojn, karikaturojn kaj aliajn esperantaĵojn al la adreso: Haim Levi, redakcio „Trud", bul. Dondukov 82, Sofia, Bulgario.

## NOVAJ MEMBROJ DE TEĴA

Aleksandr Erjuhin, redakcio „Lesnik Severa", Arhangelsk, USSR.

Petar Giunio, Nozorova ul. 19/II, Zagreb, Jugoslavio.

Jakobiec Danuta, Krakow, Lubicz 3 m 25, Pollando

Red. Wojcikiewicz, Krakow, ul. Krasinkiego 4 m 20, Pollando

Anna Dratwer, Warszawa, Podchorazych 39 m 14, Pollando

Jozef Switalki, Wroclaw, Kasprowicza 65 m 2, Pollando.

Vasile Timiŝ, Bucureşti, str. Berzei 17, Rumanio

Csapo Julio. Satu Mare. Str. Kinizsi 66, Rumanio

Gal Joachim, Oradea, str. Breiner Bela 80, Rumanio

Florian Paraschivescu, Craiova, str. Pompiliu Stefu 13, Rumanio

Preoteasa Dumitru, Segarcea, Districtu C. F. R., Rumanio

Prof. O. Sacter, Bucureşti, str. Boteanu 3 a, Rumanio

Josef Vitek, ul čs. Armády 54, Melnik Ĉeĥoslovakio

Ruksenas Petras, Vilnius, Post Restante, Lithunia, USSR

Burda Rudolf, Plzeň, Palackého № č, 6, Ĉeĥoslovakio.

K. J. Sidorĉev, str. Kalinina d. № 29 Naro-Fominsk Moskovskaja oblast USSR.

Oskar Berman, 6. Shilo strato, Tel-Aviv, Jzraelo

---

Redaktoro: Iv. Keremidĉiev, blv. „Hristo Botev" 98, tel. 3-34-04, Sofia 2, Bulgario.

Ŝtata presejo „Narodna prosveta" — Sofia